15-a jaro. — N-ro 12 (178) Decembro 1929




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY. Fr. SCHOOFS. Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF. J. VAN LAERE. Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—

EKSTERLANDO : Belgoj 5.—

ANTVERPENO

1929


LA VOIX
DE SON MAITRE

15a JARO N-ro 12 (178) DECEMBRO 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro : FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 943.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : Poŝtĉeko No 1337.67 de BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.
**Ekspeda Servo :** FR. COOL.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## AL NIAJ ABONANTOJ

Per ĉi tiu numero finiĝas la 15a jarkolekto de nia revuo. Ni povas kun fiereco rigardi la pasintecon kaj kun fido la estontecon.

« Belga Ligo Esperantista » estas unu el la plej prosperaj el ĉiuj naciaj societoj Esperantistaj kaj « Belga Esperantisto » unu el la plej vivocertaj el siaj fratorganoj.

Ni ne dubas, ke ĉiuj Samideanoj en Belgujo daŭrigos al ni sian konfidon kaj subtenon, memorante nian devizon : « Unueco donas fortecon ».

De la proksima jaro nia gazeto aperos en la komenco de ĉiu monato. Ni do petas, ke ĉiuj korespondantoj havigu al ni sian materialon antaŭ la 15a por la numero de estonta monato. Ĉiuokaze ni insiste petas ,ke la grupoj havigu regule al nia Generala Sekretario raporteton pri sia agado por nia « Belga Kroniko» kaj informojn pri sia programo dum la sekvonta monato por nia rubriko « El la programoj de la grupoj ».

Niaj abonantoj bonvolu helpi nin repagante baldaŭ sian kotizon por la jaro 1930 al sia grupa kasisto. La izolaj membroj afable pagu senprokraste al la poŝtĉeko n° 1337.67 de « Belga Ligo Esperantista ».

**LA TUTA BELGA ESPERANTISTARO SIN PRETIGU POR INDE FESTI EN LIEĜO, OKAZE DE LA 19a NACIA KONGRESO, JE PENTEKOSTO 1930 la 25-JARAN JUBILEON DE BELGA LIGO ESPERANTISTA !**

# BELGA KRONIKO .

AALST (Alost). — La nova kurso daŭre funkciadas kun plej kontentiga sukceso. Ĉirkaŭ 70 gelernantoj regule ĉeestas kaj ĉiuj fariĝis membro-abonantoj de Belga Ligo. Plej korajn dankojn kaj gratulojn al la grupgvidantoj kaj al la profesoro.

ANTVERPENO. «La Verda Stelo». La 2an de Novembro : Pro la tago de la « Mortintoj » ne estis oficiala kunsido. Kelkaj gemembroj tamen renkontiĝis en «Witte Leeuw», kaj pasigis agrable la vesperon.

Sabaton, la 9an: Je l'okaze de la XIa datreveno de la «milithaltigo» nia Grupo organizis brilan balon en la belaj salonoj « Cecil » de la Meirplaco. La tutan vesperon, regis plej simpatia kaj kora atmosfero inter la dancemuloj kaj la rigardantoj. Beletaj tualetoj ŝvebis kaj donis plej agrablan aspekton al la festsalono. La kvaliroj plej fidele atentis ne perdi eĉ nur unu dancon.

Dimanĉon, la 11an, flirtis ĉe la fasado de la sidejo nia bela esperantista standardo, simbolo de la tutmonda espero je pacemo kaj interkompreno.

Mardon, la 12an, malfermiĝis la tria kurso de la sezono. Enskribigis sin por ĝi 20 gelernantoj. La kurson gvidas S-ro Morris De Ketelaere, franclingve.

Sabaton, la 16an : « Ĝenerala monata kunveno ». La sekretario rememorigis al la membroj ke por la esperantistoj estas 4 ĉefaj festtagoj en la esperantista jaro : « Zamenhof festo, Nacia kongreso, internacia kongreso kaj datreveno de la « milithaltigo». Precipe je tiuj okazoj ni devas pripensi nian personan parton en la laborado por la sukcesigo de la pacsentoj inter la homoj.

Sabaton ,la 23an, S-ro Ĉiame Mal-frua paroladis pri la originoj, la signifo kaj la diversaj karakteroj de « Jazz-muziko ». La aŭdigo de kelkaj diskoj sur la gramofono multe helpis lin klarigi la temon.

Sabaton la 30an : Esperanto-vortludo estis organizita. S-ro Louis D'Hondt akiris la premion donacitan de nia bona samideano, kaj membro, S-ro Prager, el Bukareŝto.

BRUSELO. —B rusela Grupo Esperantista : La 4an de novembro, la Prezidanto D-ro Kempeneers, faris mallongan raporton pri la festo, kiu okazis la 31an de oktobro en la sidejo de la grupo, « Salons Modernes », 24 rue Auguste Orts, okaze de la solena disdono de la diplomoj al la premiitoj de la kursoj de la pasinta jaro. D-ro Kempeneers atentigas pri la fakto, ke la kursoj de la lasta vintro havis jam pli bonan sukceson ol tiuj de la antaŭa vintro ; li esprimas la deziron, ke venontan jaron Bruselo Grupo povos disdoni ankoraŭ multe pli da diplomoj.

Dum la kunveno de la 11a de novembro okazis la unua legado de « La ĝendarmo estas senkompata » de Georges Courteline. S-ro Emile André, kiu legis la rolon de la ĝendarmo rikoltis multajn aplaŭdojn pro la akra tono kun kiu li esprimis la koleran parolmanieron de la ĝendarmo.

La 18an S-ino Spielfiedel rediris la tre interesan paroladon, kiun ŝi jam faris la 29an de julio. Dank'al la helpo de S-ro Coopmans kiu zorgis pri lanterno, S-ino Spielfiedel sukcesis montri sur ekrano la plej gravajn vidindaĵojn de sia lando. Dum pli ol unu horo kaj duono, S-ino Spielfiedel parolis pri Polujo kaj pri la polaj moroj kaj montris ĉirkaŭ 80 belegajn kliŝojn afable pruntedonitajn de la pola Ambasadorejo en Bruselo. Tiu kunveno certe estis unu el la plej vizitindaj dum la tuta jaro.

La 25an okazis la ĉiumonata ĝenerala kunveno.

CHARLEROI. — La kurso gvidata de S-ro Henraut regule okazas ĉiumerkrede je la 6a vespere kaj ĉiudimanĉe je la 9a matene en « Domo de la Korporacioj ». Pli ol 30 gelernantoj sekvas tiun kurson.

CHENEE. — Mardon, 5an de novembro, okazis en la urbodomo de Chênée kunsido de la Ruĝa Kruco, dum kiu estis disdonitaj la diplomoj de la lastfaritaj kursoj de Ruĝa Kruco kaj de Esperanto.

Akiris diplomon de Esperanto : kun plej granda distingo : F-inoj Streel Lucie kaj Bivort Madeleine ; kun granda distingo : F-inoj Detry Léa kaj Lepouce Lucie; kun frukto : S-roj Debouny kaj Gillis Toussaint.

Nova kursoj elementa kaj supera, de Esperanto komenciĝis en « Ecole des Grands Prés», lundon 18an de Novembro. Gvidas ilin F-ino Baiwir.

HASSELT. — Dimanĉon, la 8an de Decembro, je tagmezo, okazis en la Reĝa Ateneo de Hasselt la stariga kunsido de nova liga grupo, la **Hasselta Grupo Esperantista.** S-ro Prosper Van Genechten faris la malferman paroladon kaj anoncis, ke la nova grupo baldaŭ komencos Esperantokurson. Li prezentis al la kunveno la delegitojn de la Belga Ligestaro, S-roj Fr. Schoofs, prezidanto, kaj P. Kempeneers, vicprezidanto, kaj dankas ĉi tiujn pro ilia ĉeesto. S-ro Schoofs, je la nomo de « Belga Ligo Esperantista », gratulis la fondantojn de la nova klubo : S-roj Van Genechten kaj Nackers kaj F-inoj Janssens kaj Adamkóva. Li mallonge klarigis la funkciadon de grupo kaj ligo kaj instigis la estontajn samideanojn al diligenta lernado, por ke tre baldaŭ la ĉefurbo de la provinco Limburgo havu fortan grupon de propagandistoj. Li dankis la prefekton de la Ateneo kaj la aŭtoritatojn, kiuj afable donas al la nova grupo la disponon pri la lerneja klaso. La kunsido elektis provizoran komitaton de la grupo : Prez. S-ro Nackers, Sekr.: Pr. Van Genechten, Kas.: F-ino Janssens.

KORTRIJK (Courtrai). — Nova kurso por 30 gelernantoj okazas ĉiumerkrede, je la 7a vespere, en salonego de la urbdomo, sub la gvidado de S-ro Debrouwere, Vicprezidanto de la grupo.

LOVENO. — Dimanĉon, la 8an de Decembro posttagmeze dum kunveno okazinta en Loveno, kaj kiun ĉeestis i. a. Ges-roj De Keyser, S-roj Léonard, Corvillain, el tiu urbo, S-roj Rodeyns kaj Dewolfs, el Thienen, kaj S-roj Fr. Schoofs kaj P. Kempeneers, de la Ligestrato, estis decidate ke refunkcios la malnova « Lovena Grupo Esperantista », de

kiu S-ro De Keyser estis la lasta sekretario. Kurso estos baldaŭ organizata. Provizora komitato estis elektita: Prez. R. De Keyser, Sekr.: Arm. Léonard, Kas.: Corvillain.

RONSE (Renaix). — Kiel ni jam sciigis, S-ro De Boes malfermis de kelka tempo kurson je la celo fondi grupon en sia nova loĝurbo. Dank'al liaj klopodoj kaj fervoro al nia afero estas nun afero farita. Ni tutkore gratulas kaj dankas S-ron De Boes pro tiu bona rezultato kaj ni deziras al la nova grupo «Paca Stelo» plej koran bonvenon en nia Ligo kaj longan kaj prosperan vivadon.

SCLESSIN. — La loka grupo komencis novan kurson la 15an de Novembro kiu okazas ĉiuvendrede, gvidata de nia bona propagandisto S-ro Dechesne, sekretario de la grupo.

SANKTA NIKOLAO. — La grupo « Al Triumfo » malfermis novan kurson la 18an de oktobro en la Sidejo « Rubbens Palace », Ankerstraat, por dekduo da gemembroj. Tiu kurson bonvolas gvidi Sinjoro Jos. Schiffer, de Antverpeno, kaj okazas regule ĉievendrede je la 20a horo. Ni esperas, ke la konkordo kaj solidareco povu daŭri inter la grupanoj por la pli bona sukceso de nia movado.

THIENEN (Tirlemont). — Dimanĉon, 1an de decembro la grupo organizis propagandan kunvenon, kiun ĉeestis S-roj Schoofs kaj Kempeneers, prezidanto kaj Vic-prezidanto de Belga Ligo Esperantista. S-ro Schoofs parolis pri la neceseco de helpa lingvo internacia kaj pri Esperanto kaj ĝia disvastiĝo en la mondo. Dudeko da gelernantoj tuj enskribiĝis por la nova kurso okazanta ĉiudimanĉe je la 9½a. matene en la grupa sidejo, Rue des Vieux Remparts 8. S-ro Dewolfs, Sekretario de la grupo gvidas tiun kurson.

Dank'al la malavareco de kelkaj honoraj membroj, la gelernantoj, kiuj regule ĉeestos la kurson kaj sukcese partoprenos la ekzamenon okazontan je la fino de la kurso, povos ĉeesti senpage la nacian kongreson ;la grupo pagos ĉiujn kostojn.

Jen tre imitinda ekzemplo, kiun ĉiu grupo devus sekvi.

VERVIERS. — Vendrede, 29an de Novembro, S-ro Cart, prezidanto de la Esperanta Akademio iris al Verviers por fari propagandan paroladon, kiu plej bone sukcesis. La urbestro, S-ro L. Defays, honora prezidanto de la grupo prezidis la kunvenon, ĉirkaŭata de S-roj Simon, direktoro de la publika instruado, Pirnay, urba konsilanto, prezidanto pro honoro de la grupo kaj Herion, grupa prezidanto. S-ro urbestro prezentis al multnombra publiko la eminentan parolonton, kiu plej interesmaniere pritraktis sian temon, « La lingva demando en la postmilita Eŭropo ». S-ro Defays dankinte S-ron Cart por lia interesega parolado, S-ro Herion anoncis la baldaŭan malfermon de nova kurso kaj faris alvokon por ke oni tuj enskribiĝu.

La kurso gvidata de S-ro Hérion, komenĉigis la 8an de Decembro kaj okazas ĉiulunde je la 7½a vespere en la Reĝa Ateneo.

# EL LA PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ :

**"La Verda Stelo", Antverpeno** — Sabaton, la 28an de Decembro, en « Witte Leeuw », je la 20a horo : Kristnaskfesto. Oni alportu surprizojn !

Sabaton, la 25a de Januaro 1930 la grupo festos la 23a datrevenon de sia fondiĝo, per festeno kiu okazos en la salono de la restoracio «Roi Albert», Stacioplaco. Enskribprezon: Fr. 35.—, sendu de nun al la poŝtĉekonto n° 726.54 de «La Verda Stelo».

# GRATULOJ

Al **F-ino Suzanne Petiau,** filino de nia ĝenerala Sekretario, el Gento, kaj al S-ro Leendert Kuyk, membro de nia Genta Grupo Esperantista, kiuj gefianĉiĝis la 15an de Decembro.

Al **Gesinjoro E. Urbach,** el Antverpeno, al kiuj naskiĝis filineto, Bela, la 13an de Decembro.

# BELGA GAZETARO

Dum la dua duono de Novembro ni ricevas kelkajn gazetojn kun komunikoj pri Esperanto.

Kiel kutime la Antverpena gazetaro publikigas la sciigojn de « La Verda Stelo » instigantajn la publikon, sekvi la kursojn organizitajn ĉiumonate de tiu grupo.

En Aalst la gazetoj anoncas la plenan sukceson de la kurso de nia tiea societo « Pioniro », kiu estis devigata duobligi tiun kurson. Ili anoncas, ke nova kurso komenciĝos tuj post novjaro.

« L'Avenir d'Oostduinkerke » faras bonan propagandon por la kurso, kiun organizas nia liga grupo en Nieuwpoort. Por tiu kurso la urbestraro donis la permeson uzi la grandan salonon de la urbodomo. En kelkaj gazetoj ni trovis komunikon de «Antverpena Por-esperanto Propaganda Komitato » pri koresponda kurso flandralingva konsistanta el 25 ĉiusemajnaj lecionoj. Ni ĝojas pro tiu iniciato, kiu strange kontraŭstaras al la sintenado de tiu komitato pri la daŭro de parolaj kursoj, demando sur kiu ĝi antaŭ kelkaj jaroj kreis malinter-konsenton inter la Esperantistoj de Antverpeno, kaj venenigis la atmosferon. Oni memoru ja, ke ĝi diris, presis, skribis (eĉ al oficialaj estraroj), ke Esperanto-kurso devas enhavi almenaŭ 100 lecionojn de 2 horoj !

Kiel ni jam diris en nia novembra numero, la direkcio de la infangazeto « Na de School» donacas al ĉiu abonanto de « Belga Esperantisto » specimenan numeron, kiu estas dissendata kun nuna numero. Tiu bela revuo aperigos Esperanto-kurson en siaj 20 unuaj numeroj de la jaro 1930. La kurso estos gvidata de nia bona amiko S-ro Willy De Schutter kaj redaktata speciale por infanoj. Niaj membroj sendube ne preterlasos konigi tiun fakton al interesigeblaj personoj. Por plifortigi la propagandon fareblan per tiu speciala kurso, la direkcio konsentas al niaj abonantoj favorprezon por la serio de 20

numeroj, kiuj enhavos la Esperantolecionojn. Tiu favorprezo estas fiksita je Fr. 15,—, sumo sondota per la poŝtĉekpagilo kiu akompanas la specimenan numeron.

## NEĜAS

Dolĉege sur la spiro de l'feinaj bloviloj,
Blankegaj ŝipetoj dancante flosadas.
Kaj la feinetoj kun puraj flugiloj,
Senbrue sur teron floretojn ĵetadas.
Neĝeroj falas teren,
Teren — Teren.

Malpeze sur la spiro de la nimfaj pasioj,
Ludante blankegaj birdetoj flirtadas.
Kaj ili mirinde el puraj lilioj,
Brodaĵon sur l'arbobranĉetoj faradas.
Neĝeroj falas teren,
Teren — Teren.

Kantante poezie preĝejetsonoriloj,
Ondume tre blankajn tintetojn sendadas.
Kaj la anĝeletoj kun puraj flugiloj.
Senbrue sur teron mantelon metadas.
Neĝeroj falas teren,
Teren — Teren.

Originale verkis Ach. DE MAERTELAERE.

## LA VEKIĜO

Ian matenon ni forlasis la ridantajn valojn de la Guldbransdal kaj la freŝajn herbejojn trafluitajn de la Lougen, por surgrimpi la ardajn montojn. La ĉielo estis heleblua. Kelkaj nebuloj same kiel gasvualoj, flirtis sur la verda supro de la abioj kaj malfermetis sin per la blovo de la venteto kaj tranĉapartigis sin en senpezaj zonetoj kaj disfluis en la aero. La pordo de la lignodomo malfermis sin je la unuaj radioj de la matenruĝo kaj la junulino kondukis la flavbrunajn bovidinojn kaj la ŝafojn kun iliajn ŝafidojn al la paŝtherbejo. Ĉirkau ni ĉio vekiĝis gaje en la naturo: la turdo kun griza, nigre punktmakulita plumaro kuris de branĉo sur branĉon aŭdigante siajn akrajn blekkriojn; la burdo flirtis sur la pendantajn branĉoj de la betulo kaj la akvofaleto rulanta inter la ŝtonegoj arĝentkoloriĝis en la radioj de la suno, dum en la fundo de la valo, la rivero, en la ombro, fluis maldiligente tra la arbaroj. Mi ekhaltis por rigardi tiun spektaklon plenan je ĉarmoj, tuj poste mi adiaŭis malgaje al tiuj valoj, kiujn mi estis trakurinta dum kelkaj tagoj, al tiuj lignodomoj, kie mi pli ol unu fojon deziras entombigi mian vivon, al tiuj pacemaj kamparaj familioj, kiuj ĉarmis min per sia koreco kaj kiujn mi eble neniam revidos.

Xavier MARMIER (1809-1892). Trad. P. ROGIERS.

# ROMO KAJ KARTAGO

Romo, simila al aglo, ĝia timinda simbolo, larĝe etendas siajn flugilojn, malfermas forte siajn ungegojn,prenas la fulmon,kaj forflugas. Kartago estas la suno de la mondo, estas sur Kartago ke ĝiaj okuloj fiksiĝas. Kartago estas estrino de la oceanoj, estrino de la reĝolandoj, estrino de la nacioj. Estas belega urbo plena je belbrilegeco kaj je luksa riĉegeco, tute radianta pro la strangaj artoj de l'Oriento. Estas tuta societo, finita, perfekta, al kiu nenio mankas, de la laboro de l'homoj kaj de l'tempo. Fine, la metropolo de Afriko staras je la apogeo de sia civilizacio: ĝi ne povas plu surpreniri, kaj de nun ĉiu progreso estos malaltiĝo. Romo, male posedas nenion. Ĝi prenis jam ĉion kio estis atingebla por ĝi ; sed ĝi prenis per preni, prefere ol per riĉiĝi. Ĝi estas duone sovaĝa duone barbara. Ĝi devas samtempe fati sian edukadon kaj sian fortunon. Ĉio antaŭ ĝi, nenio malantau ĝi.

Dum kelka tempo la du popoloj ekzistas flanko ĉe flanko. La unua ripozas en sia belbrilegeco, la alia pligrandiĝas en la ombro. Sed iom post iom la aero kaj la spaco mankas al ili por plivastiĝi. Romo komencas ĝeni Kartagon. De longe Kartago tedas Romon. Sidantaj sur la du kontraŭaj bordoj de la Mediteranea maro, la du urboj rigardas unu la alian en la vizaĝon. Tiu maro ne plu sufiĉas por apartigi ilin. Eŭropo kaj Afriko pezas unu sur la alian. Kiel du nuboj superŝarĝitaj je elektro, ili tro apudiras. Ili estas miksiĝontaj en la fulmo. Tie ĉi estas la katastrofo de tiu granda dramo. Kiaj aktoroj staras unu kontraŭ la alia ! du rasoj, tiu ĉi de komercistoj kaj de maristoj, tiu de plugistoj kaj de soldatoj; du nacioj, la unua reganta per la oro, la alia per la fero; du respublikoj, la unua teokratia, la alia aristokratia; Romo kaj Kartago ; Romo kun sia militistaro, Kartago kun sia ŝiparo; Kartago maljuna, riĉa, ruza; Romo juna, malriĉa, forta; la estinteco kaj la estonteco ; la spirito de l'eltrovo, kaj la spirito de la konkerado ; la genio de la vojaĝoj kaj de la komerco ; la demono de la milito kaj de la gloramo ; la Oriento kaj la Sudo unuflanke, la Okcidento kaj la Nordo aliflanke; fine, du mondoj, la civilazio de Afriko kaj la civilizacio de Eŭropo.

Ambaŭ mezuras unu la alian per la okuloj. Ilia sintenado antaŭ la batalo estas egale timeginda. Romo, jam streĉe ĝenata en tio, kion ĝi konas de la mondo, kolektas ĉiujn siajn fortojn kaj ĉiujn siajn popolojn. Kartago, kiu tenas en la vindoj Hispanlandon, Armorikon kaj tiun Bretonlandon, kiun la Romanoj kredis kuŝanta en la fundo de la universo, Kartago jam estas ĵetinta sian albordiĝan ankron sur Eŭropon.

La batalo eksplodas. Romo mallerte konstruimitas la ŝiparon de sia konkuranto. La milito ekbrulas unue en la duoninsulo kaj en la insuloj. Romo ektuŝegas Kartagon en tiu Sicilio, kie Greklando jam renkontis Egipton, en tiu Hispanlando, kie pli poste ankoraŭ batalos Eŭropo kaj Afriko, Oriento kaj Okcidento ; Sudo kaj Nordo. Iom post iom la batalo komenciĝas, la mondo ek-flamiĝas. La du kolosoj atakas sin korpo ĉe korpo; prenas unu la alian, lasas, reprenas. Ili serĉas sin kaj

sin forpuŝas. Kartago transpaŝas la Alpojn; Romo transpasas la marojn. La du popoloj personigitaj en du homoj. Annibal kaj Scipio, ĉirkaŭprenas sin reciproke kaj olestinegigas por plenfini. Estas duelo ekscesa, batalo ĝismorta ; Romo ŝanceliĝas, ĝi eliĝas angorkrion : « Annibal ad portas»! Sed ĝi releviĝas, eluzas siajn fortojn por lasta bato, ĵetas sin sur Kartagon kaj forigas ĝin de la mondo.

Tradukis P. ROGIERS. Victor HUGO.

## HEBREA LINGVO SKRIBITA PER LATINA ALFABETO

Ben Avi, filo de mortinta Eliezer Ben Jahudah (la viro kiu tiom klopodis por la restarigo de l'hebrea lingvo kiel parolata lingvo en Palestino) komencis rezervi en la ĉiusemajna gazeto «Palestine Weekly» eldonata de li, unu paĝon por ekskluziva publikigo de artikoloj hebreaj transskribitaj en latinaj literoj. Ben Avi ankaŭ publikigis la biografion de sia patro, en latinaj literoj.

Nun li provas fari novan ageman propagandon por sia metodo, ĉar li ne deziras ke la Judoj estas antaŭrataj de la Turkoj. Laŭ li la hebrea alfabeto estas baro por la Judoj kaj la kristanoj kaj, li diras, fine ĉiuj Orientaj lingvoj alprenos la Eŭropan skribon.

---

## ĈU UTILAS PORTI LA STELON ?

Pri tiu temo jam multe estas dirite. Tamen povas havi utilon raporti pri la ĝojo, kiun mi pro ĝi havis en Ostendo dum la pasinta monato Aŭgusto. Tie mi ja renkontis jenajn gesamideanojn: S-ron Geo Skinner, vicprez. de grupo en Sheffield ; S-inon F. Staes, vicdel. de UEA en Bruselo ; S-ron A. M. J. Overmeer, gvidanto de la sola oficiala kurso en Nederlando, en Nijmegen; la sindoneman fraŭlinon J. Terryn, el Gento ; blindan junulon Schoonejans, el la Blindulinstituto de Woluwe ; Ges-rojn W. Percy Merrick, de Shepperton, bone konatajn de ĉiuj kongresvizitintoj ; kaj Ges-rojn Em. G. Boone, UEA-del., en Wattrelos.

Se do vi, kaj precipe la novaj Esperantistoj deziras havi la plezuron, renkonti diverslandajn geamikojn, ĉiam pertu la stelon, ne nur sur via kutima vestaĵo, sed ankaŭ kaj eĉ sur via banvesto. Tiel vi povos sperti kiel ĝojige estas paroli Esperanton eĉ kun buŝo plena je marakvo !

---

## NIAJ AFIŜOJ

Pli kaj pli disvastiĝas la uzado de niaj afiŝoj : « ESPERANTO, LINGVO INTERNACIA ». En Ostendo mi renkontis du da ili kun surskribo : « Mussels, Fish & Chips ». La angloj tie manĝantaj do eĉ nesciante konsumas Mussels, Fish & Chips Esperanto !

I. U.

# PAROLANTA FILMO KAJ ESPERANTO

Jam ofte estis skribite pri la utilo de Esperanto en la kampo de la parolanta filmo kaj kun kontenteco ni povis jam noti ,ke la estro de unu el la plej gravaj filmproduktejoj en Ameriko deklaris sin favora al la solvo de la lingva problemo en lia fako per Esperanto.

Certe interesos niajn legantojn la fakto, ke la unua Esperanta filmo estas farita. Efektive, okaze de la 22a nacia kongreso de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, okazinta en Nov-Jorko, lastan someron, la Metro-Goldwyn Kompanio petis, ke estu farota por ĝi parolado pri kaj en Esperanto.

S-ro Parrish, el Buffalo, Sekretario de U.E.A. en Nord-Ameriko, havis la honoron paroli antaŭ la mikrofono. Lia parolado estis angle farita kaj temis pri Esperanto ; ĝi estis sekvata de kelkaj vortoj en nia lingvo mem.

Sed... kaj nun venas la granda novaĵo, precipe por ni Belgoj kaj ankoraŭ pli por niaj Antverpenaj samideanoj de «La Verda Stelo». Poste venis, la Paramount Kompanio por havi mallongan dialogon tute en Esperanto por la parolantaj filmoj. Tiu dialogo estis farita la 18an de Julio. S-ro Hetzel, el Philadelphia, prezidanto de la Esp. Asocio de N. A., kiun ĉiuj certe rememoros el la 20a Kongreso de Antverpeno, parolis kun... S-ino Charles Chomette, la iama F-ino Germaine Van der Veken, la ĉiam gaja vigla membrino de nia antverpeno grupo !

Atendante, ke ni havu la plezuron scii, kion niaj du geamikoj diris antaŭ la mikrofono, eble... kiu el ili havis... la lastan vorton, ni konstatu, ke la unua Esperanton parolanta filmo ekzistas.

El ricevitaj informoj ni scias, ke la filmo estas prenita kun ĉiuj eblaj zorgoj kaj atentoj. La amatoraj aktoroj estis pentritaj kiel veraj teatr-artistoj kaj ĉio okazis laŭ la reguloj de l'arto. La tuta aranĝo daŭris tutan posttagmezon kaj pli ol 10 viroj laboris al lumludoj kaj al kaptado de filmo kaj sonoj. Tuj poste la paroloj estis reaŭdigitaj. Ili sonis tre klare.

La filmo estas destinata el Eŭropo kaj Sud-Ameriko. Ni ne dubas ke, kiam ĝi estos montrata al la publiko en tiuj kontinentoj, la Esperantistoj skribos pri ĝi al Paramount Famous Lasky Corporation, Paramount Building, Times Square, New-York, kie oni kun plezuro akceptos ĉiuj leterojn el aliaj landoj.

---

# LA TRAFIKO EN LA HAVENO DE ANTVERPENO

Dum la monato Novembro alvenis 939 marŝipoj de entute 1.983.388 tunoj, el kiuj 5 velŝipoj. Pasintan jaron por la sama monato estis la ciferoj 973 ŝipoj kaj 2.049.688 tunoj. Por la 11 unuaj monatoj de la nuna jaro oni konstatas plialtigon de 349 ŝipoj kaj 837.033 tunoj. La meza tunkapacito estis po 2112 tunoj por ĉiu ŝipo.

El la alvenintaj ŝipoj estis 375 anglaj, 173 germanaj, 78 nederlandaj, 69 belgaj, 54 norvegaj, 45 svedaj, 43 francaj, 30 danaj, 16 italaj, 13 usonaj, 10 grekaj, 7 litovaj, 6 japanaj, 6 finlandaj, k. c.

# HISTORIA STUDO DE STATISTIKOJ PRI MIGRADO

Aperis en Nova Jorko la unua volumo de studo pri « Internacia Migrado ». Ĝi pritraktas statistikojn kaj estas verkita de S-ro Imre Ferenczi, por la Internacia Laboroficejo, kaj eldonita de S-ro Walter F. Willockx, por la National Bureau of Economic Research (Nacia Oficejo pri Ekonomia Esplorado), Nova Jorko (1). Ĝi enhavas kompletajn statistikajn informojn pri internacia migrado dum la deknaŭa kaj dudeka jarcentoj. La laboro estis iniciatita de la National Bureau, kiu garantiis la koston, kaj la Internacia Laboroficejo kunlaboris en la enketo.

Post antaŭparolo priskribanta la esplormetodojn uzitajn, la unua ĉapitro pritraktas la evoluadon de elmigrado el Eŭropo kaj de elmigrado el Hindujo, Ĥinujo kaj Japanujo, dum la deknaŭa kaj dudeka jarcentoj. La dua ĉapitro prezentas komparan studon de la enmigradaj statistikoj de la transmaraj landoj dum la sama periodo. La tria ĉapitro montras la evoluadon de kontinenta migrado.

La statistikoj por 116 Ŝtatoj kaj teritorioj estas presitaj en 641 naciaj tabeloj montrantaj aparte la migradon de nacianoj kaj fremduloj (migrantoj revenantoj al la patrolando) kaj enhavantaj multajn detalojn pri la migrantoj. Estas 288 tabeloj por Eŭropo, 150 por Ameriko, 55 por Azio, 75 por Oceanio kaj 73 por Afriko. 56 tabeloj koncernas Usonon, 31 la Britajn Insulojn, 31 Hungarujon, 28 Italujon, 15 Germanujon, k.t.p. La tabeloj por ĉiu lando estas antaŭitaj de raporto pri la statistikaj metodoj uzitaj kaj sekvitaj de multaj klarigaj notoj. Statistikoj pri 32 elmigradaj landoj estas ankaŭ redaktitaj el la enmigradaj statistikoj de transmaraj landoj, kaj servas por kontroli la rektajn ciferojn, aŭ anstataŭas ilin pri landoj, kiuj ne eldonas naciajn statistikojn.

Krom tio, la verko enhavas ĝeneralan studon de la diversaj tendencoj de migrado de 1820 ĝis 1924 en 32 internaciaj tabeloj.

La statistikoj montras, ke la elmigrado de 80 milionoj da homoj estis raportita inter 1846 kaj 1924, kaj ke, dum la sama periodo, la enmigradaj landoj raportis la alvenon de 55½ milionoj, el kiuj 36 milionoj migradis en Usonon. Tabeloj estas ankaŭ redaktitaj montrantaj la netan migradon en iuj landoj, depreninte la revenantajn migrantojn, kaj tiuj ciferoj estas komparitaj kun la loĝantaro dum la sama periodo.

La kolektado kaj klasifiko de la statistikoj ne estus ebla sen la helpo de la diversaj Registaroj. Esploradoj faritaj de la verkisto en la arĥivoj kaj bibliotekoj de dek landoj rezultigis la eltrovon de multaj tabeloj kaj ciferoj ne ankoraŭ eldonitaj. La tabeloj de naciaj statistikoj estas komunikitaj al eminentaj statistikistoj en dudek landoj, al kiuj estas komisiita la preparado de komentarioj por la dua volumo.

**Informservo de Internacia Laboroficejo.**

---

(1) **International Migrations.** Vol. I. Statistics. Complied on behalf of the International Labor Office. Geneva, with **Introduction** and **Notes** by Imre Ferenczi, and edited on behalf of the National Bureau of Economic Research by Walter F. Willcox, New York, Nat. B. of Rc. R., Inc., 1929.

# LA PANTOFLOJ DE LA PLEJ HONESTA VIRINO

Iam en malproksima oriento vivis reĝo, kiu povis esti feliĉa, ĉar de kiam iu memoris, paco en lia regno regis, liaj subuloj al li estis fidelaj kaj ilian reĝon korege amis. Malgraŭ tio, la reĝo ne estis feliĉa, ĉar li posedis malbonkoran edzinon. Eble li estus ŝin forpelinta sed ja la reĝino estis tiel juna kaj tiel bela, plie li kore ŝin amis, ĉiujn rimedojn li jam provis por ŝin plibonigi sed vane. La reĝino posedis vastan kolekton de libroj, kiuj intence por ŝi estis skribitaj kaj kies moralo ĉiam estis jena: Vian edzon vi amos, honoros kaj feliĉigos. Sed tiun ĉi bibliotekon ŝi apenaŭ rigardis, kontraŭe des pli ofte ŝi venigis el la legbiblioteko, romanojn kies moralo kutime estis: Vi mem vin amos, honoros kaj feliĉigos.

Ankaŭ la reĝo penadis enigi inter la kortegsinjorinojn de sia edzino maljunan kaj inteligentan baroninon aŭ grafinon, kiu devos prediki moralon al ŝi. Tiu funkcio estis ĉiam tre ŝatata, ĉar post mallonga tempo, tiuj sinjorinoj estis gradaltigataj kiel estrinojn de provinco aŭ regiono, kiel eble plej malproksime de la kortego, kompreneble laŭ instigo de la reĝino.

Nun la reĝo estis abonanto de interesa ĵurnalo, kiu aperis en la ĉefurbo kaj kiun li dum la matenmanĝo tralegis de l' komencen ĝis la fino.

Iun tagon li eksaltis subite ĉe tiu legado. Li nome legis en la rubriko « Je ĉies profito » jenan. Se malagrablan edzinon vi havas, facile vi povus ŝin pli bonigi per tio ĉi, ke ŝi nur dum tri tagoj portu la pantoflojn de alia virino pri kiu firme estas pruvita, ke ŝi sian edzon feliĉigas.

Tuj la reĝo kunvokis siajn korteganojn kaj diris: tiuj el vi, kiuj estas feliĉigitaj de viaj edzinoj alproksimiĝu. Sed ĉiuj restis senmovaj.

Laŭ konsilo de la unua ministro, kiun li malkaŝe konfidis ,la reĝo aperigis jenan anoncon en la ĵurnalo: « Kontraŭ riĉa rekompenco estas serĉata edzo, kies edzino lin feliĉigis ». Multaj respondoj alvenis, sed post atenta enketo, oni konstatis, ke ĝuste tiuj edzoj estas la plej malfeliĉaj kaj nur sin anoncis laŭ ordono de siaj edzinoj, kiuj tiam ankoraŭ por si rezervis la suprecititan rekompencon. Tuj post tio, la reĝo sendis kurierojn al ĉiuj partoj de sia regno, kaj nur unu revenis kun la dezirita rezultato. Nu, ĉu vi trovis la feliĉulon, streĉe demandis la Reĝo. Certe, via reĝa moŝto li respondis. Tiam rapidu. Kie vi havas la pantoflojn. La virino ne ankoraŭ volis ilin doni, sed promesis nepre ilin sendi morgaŭ. La reĝo senpacienciĝis kaj tuj telegrafis al la feliĉa edzo.

« Rapidu, sendu la pantoflojn. Respondo pagita ». Sed la respondo sonis jene.

« Mia edzino tiel ofte ĵetis al mia kapo la pantoflojn, ke ili forte bezonas riparon antaŭ ol mi povas ilin sendi al vi».

Kompreneble, la reĝo senesperiĝis, pri la pantofloj.

La kroniko ne rakontas, ĉu la reĝino poste sin plibonigis.

Trad. C. VANBIERVLIET.

# BONHUMORO

INTER AMIKINOJ. — Ĉu vi supozas, ke la kisado estas malsaniga?
— Mi ne scias ; neniam mi...
— Kio ? Neniam vi lasis vin kisi ?
— Ne ! Neniam mi malsaniĝis post la kisado !

EN LA MALLIBEREJO. — La evangeliisto al la malliberulo. — La muroj kaj la kradoj de via malliberejo ne ekzistas. Vi ĉiam havis la liberecon por...

La maljuna malliberulo. — Tiuokaze estas kredeble, ke mi havas halucinaciojn, jam de dudekkvar jaroj !

INTER GEJUNULOJ. — Li. — Jen dudek minutoj forpasis, kaj vi ne eĉ unu vorton parolis, fraŭlino !

Ŝi. — Sed, sinjoro, mi havas nenion par diri !

Li. — Ĉu do vi neniam parolas, kiam vi havas nenion por diri ?

Ŝi. — Neniam !

L. — Tiuokaze, ĉu vi volas edziniĝi je mi ?

EN LA VAGONARO. — Mac Doodle. — Ĉu neniu havas iom da whisky ? Sinjorino senkonsciiĝis en la najbara kupeo.

Vojaĝanto. — Jen botelo tutplena.

Mac Doodle (trinkegante). — Dankon! Mi malsaniĝas vidante tian sveniĝon !

EFIKA RIMEDO. — S-ro Brown. — Mi sendis anoncon al edziĝa ĵurnalo por trovi edzinon.

S-ro Smith. — Kaj ĉu vi ricevis respondojn ?

S-ro Brown. — Ho certe ! Centojn !

S-ro Smith. — Centojn ?

S-ro Brown. — Jes, kaj ĉiuj diris la samon : « Volonte mi cedus al vi mian edzinon ! »

En JUĜISTEJO. — Ĉu vi nomis la plendinton « bruto » kaj « senkuraĝulo » ?

La juĝoto. — Certe !

La juĝisto. — Ĉu vi nomis lin ankaŭ « mallaboremulo » kaj « mensogulo » ?

La juĝoto. — Ne, sinjor' juĝisto ; en tiaj momentoj estas aferoj, kiujn oni forgesas.

ĈE LA DENTISTO. — La dentisto, serĉante pecon de radiko, al la kliento : « Estas strange, mi nenion sentas !...

La kliento. — Mi volus, ke mi povu diri la samon !

Sinjorino. — Sed, filino mia, estas naŭzige ! Jen mebloj ne plu purigitaj de du semajnoj !

Servistino. — Sinjorino estas tute prava kaj Sinjorino povas informiĝi pri iu alia, ĉar mi ne volas resti pli longe en domo tiel malbone zorgata !

# KONTRAŬTUBERKULOZAJ POŜTMARKOJ

La Belga Kontraŭtuberkuloza Komitato eldonis novan serion de 6 belegaj poŝtmarkoj grandformataj kun bildoj pri diversaj lokoj el Belgujo : 5+5 Cm. (La akvofalo de Coo); 25+15 Cm. (La roko Bayard, en Dinant); 35+10 Cm. (La Remparoj kaj la Pordo de Menino, en Yper); 60+15 cm. La promenado de Orléans, en Spa); 1.75 fr. + 25 cm. (La Rodo de Antverpeno); 5+5 Fr. (La Verda Kajo, en Bruĝo). Ni donas ĉi kune la reproduktaĵon de tiuj novaj markoj.

La serioj estas aĉeteblaj en ĉiuj belgaj poŝtoficejoj aŭ mendeblaj per pago al la poŝtĉekkonto n° 2190.71 de la suprecitita komitato.

Aĉetu tiujn markojn. Helpu al la batalo kontraŭ la turberkulozo, tiu plago de la homaro !




60 cm. + 15 cm.

1 fr. 75 + 25 cm.

25 cm. + 15 cm.

5 frs. + 5 frs.

5 cm. + 5 cm.

35 cm. + 10 cm.

# ESPERANTO RIMVORTARO (Fino)

kopt

**OR**

or
bor
labor
helebor
ador
toreador
ambasador
matador
koridor
luidor
komandor
kondor
odor
meteor
semafor
metafor
amfor
kamfor
elektrofor
fosfor
rigor
angor
hor
ĥor
prior
major
sinjor
monsinjor
maĵor
deĵor
kor
akor
valor
flor
pasiflor
suflor
glor
pilor
tajlor
klor
dolor
kolor
plor
esplor
mor
Amor
memor
sikomor
marmor
humor
tumor
tenor
ignor
minor
honor
sonor
por
kapor
vapor
lepor
spor
furor
prokuror
Aŭror
akcesor
profesor
asesor
reĝisor
suspensor
tor
aligator
irigator
iniciator
gladiator
akumulator
amator
kombinator
bukcinator
denominator
gubernator
literator
uzurpator
orator
obturator
karburator
kondensator
spektator
diktator
elevator
ekvator
organizator
fetor
retor
kreditor
monitor
repetitor
prior
inkvizitor
aktor
redaktor
faktor
refraktor
lektor
alektor
reflektor
inspektor
prospektor
rektor
direktor
sektor
doktor
abduktor
konduktor
kantor
mentor
kontor
promontor
motor
elektromotor
interuptor
stertor
kastor
kvestor
polihistor
butor
koadjutor
putor
aŭtor
fluor
favor
difavor
likvor
pulvor
fervor
trezor
revizor
provizor
infuzor

**ORB**

orb
eŭforb
korb
morb
sorb
absorb

**ORĈ**

sorĉ
torĉ

**ORD**

ord
bord
babord
tribord
agord
hord
fjord
kord
akord
rekord
konkord
akrokord
lord
mord
nord
pord
tord

**ORF**

orf
amorf
torf

**ORG**

sorg
zorg

**ORĜ**

forĝ
gorĝ

**ORK**

fork
Jork
Nevjork
kork
pork

**ORM**

dorm
form
reform
uniform
inform
konform
jodoform
kloroform
norm
ŝtorm

**ORN**

orn
dorn
forn
korn
kaprikorn
lorn
torn
kotorn

**ORP**

korp
sorp

**ORS**

bors
dors
kors
tors

ORT

ort
aort
abort
fort
akvafort
komfort
perfort
kohort
kort
eskort
mort
port
raport
kolport
import
sport
pasport
eksport
transport
sort
risort
tort
retort
vort

ORV

korv

OS

-os
haos
bos
ambos
fos
azigos
kokos
flos
glos
cinoglos
hipoglos
kolos
molos
ŝlos
albinos
marinos
merinos
epos
ros
bros
gros
albatros
patos
provos

OSK

bosk
kiosk
mosk

OSM

kosm

OST

ost
fost
periost
kost
pentekost
most
post
prepost
impost
kompost
rost
frost
tost
vost

OSTR

ostr
klostr
rostr

OŜ

galoŝ
kloŝ
poŝ
broŝ
groŝ

OŜK

droŝk

OŜT

moŝt
poŝt
impoŝt

OT

-ot
bot
ĵabot
rabot
barbot
ĉot
dot
anekdot
Got
fagot
bigot
indigot
redingot
idiot
aĝiot
manihot
patriot
ĉeviot
ŝeviot
kot
kalikot
abrikot
trikot
bojkot
markot
Skot
lot
balot
kaĉalot
zelot
glot
poliglot
melilot
pilot
kamlot
plot
komplot
dorlot
mot
bergamot
marmot
perlamot
not
kanot
genot
knot
gimnot
hipnot
pot
kapot
kompot
despot
rot
karot
frot
grot
bankrot
skrot
sprot
trot
ŝot
litot
Hotentot
asimptot
gavot
pivot
azot
kreozot
miozot

OV

ov
bov
anĉov
kov
alkov
blov
mov
nov
pov
brov
prov
trov
ŝov

OVR

kovr
manovr

OZ

-oz
oz
doz
apoteoz
anamorfoz
metamorfoz
skabioz
grandioz
serioz
furioz
kurioz
glikoz
metempsikoz
mukoz
aloz
ankiloz
tuberkuloz
mimoz
almoz
diagnoz
celuloz
nebuloz
prognoz
poz
apoz
ripoz
supoz
roz
piroz
kroz
kloroz
proz
amaŭroz
virtuoz

# U

**U**
-u
ĉu
du
hu
iu
ĉiu
kiu
neniu
tiu
ju
plu
nu
unu
bu
marabu
zebu
atribu
kontribu
distribu
bambu
individu
kateĉu
ragu
sagu
ambigu
ĝu
tju
intervju
vaku
sku
lu
blu
flu
alflu
influ
glu
dilu
evolu
enu
genu
Genu
menu
parvenu
kontinu
paru
bru
fru
gru
kongru
moru
tru
detru
instru
konstru
kanguru
Jesu
ŝu
kakatu
tatu
statu
situ
substitu
prostitu
noktu
rendevu
revu

**UB**
bub
dub
hub
kub
inkub
nub
Danub
pub
rub
kerub
sub
tub

**UBJ**
tubj

**UBL**
rubl

**UBR**
kolubr

**UC**
kaduc
prepuc
kruc
ŝpruc

**UĈ**
buĉ
kapuĉ
kruĉ
suĉ

**UD**
bud
Jud
lud
alud
prelud
konklud
talmud
nud
pud
apud
hirud
krud
prud
trud
sud
etud
longitud
latitud
kolatilud
stud
testud
bud(d)

**UDR**
gudr
kudr
pudr

**UF**
buf
guf
huf
kuf
bluf
muf
puf
truf
tuf
stuf

**UFR**
bufr

**UFT**
juft

**UG**
albug
fug
centrifug
jug
konjug
flug
plug
lanug
brug
sevrug
lentug

**UGL**
kugl

**UGN**
pugn

**UĜ**
rifuĝ
juĝ
muĝ
ruĝ

**UJ**
-uj
uj
haleluj
tuj

**UJN**
prujn

**UK**
buk
sambuk
kaŭcuk
duk
kaduk
traduk
eduk
deduk
arĥiduk
hajduk
induk
konduk
fuk
juk
kuk
luk
kluk
muk
kalmuk
nuk
eŭnuk
peruk
veruk
kuruk
suk
tuk
laktuk
stuk

**UKC**
obstrukc

**UKL**
bukl

**UKS**
buks
luks
haluks
nuks

**UKT**
viadukt
dedukt
redukt
produkt
lukt
rukt
frukt

**UL**
-ul
bul
bul(l)
tabul
nebul
mandibul
fibul
somnambul
paĉul
cercedul
kalendul
modul
koagul
spegul
regul
angul
triangul
rektangul
ortangul
mergul
kul
makul
fekul
molekul
spekul
forfikul
matrikul
patrikul
aŭrikul
klavikul
kalkul
okul
inokul
tuberkul
cirkul
lul
ulul
hulul
mul
stimul
formul
kumul
nul
kanul
pul
manipul
skrupul
rul
brul
insul
konsul
kapsul
tul
gratul
betul
mitul
tarantul
stul
fistul
postul
pustul
konvolvul
uvul

**ULB**
bulb

**ULK**
bulk
sulk

**ULN**
uln
vuln

**ULP**
kulp
pulp
vulp

**ULS**
puls
impuls

**ULT**
adult
singult
kult
fakult
okult
aŭskult
mult
tumult
insult
konsult
stult
envult
rezult

**ULTR**
ŝultr

**ULV**
pulv
vulv

**UM**
-um
album
kolombum
dum
fum
parfum
gum
saĝum
hum
radium
medium
iridium
ojdium
indium
iridium
rodium
amfium
galium
talium
helium
ilium
rutenium
harmonium
cekum
kukum
lum
volum
plum
mum
minimum
maksimum
proksimum
kalkanum
sternum
rum
arum
grum
forum
sum
resum
konsum
datum
ultimatum
bitum
rektum
kostum
zum
frenezum

**UMB**
katakumb
lumb
palumb
plumb

**UMBL**
grumbl

**UMF**
triumf

**UMP**
pump
trump
ŝtrump
stump

**UN**
tribun
dun
lagun
jun
jejun
kun
lakun
vikun
skun
lun
alun
imun
komun
nun
pun
harpun
run
farun
brun
prun
sun
tun
katun
latun
Fortun
oportun
aŭtun

**UNC**
unc
denunc
punc

**UNĈ**
lunĉ

punĉ

**UND**
abund
fund
profund
burgund
hund
fekund
sekund
lund
inund
grund
hirund
korund
vund

**UNG**
ung
dung
fung
jung

**UNK**
junk
trunk
furunk

**UNKL**
karbunkl
pedunkl
karfunkl

**UNKR**
junkr

**UNKT**
adjunkt
punkt
kontrapunkt

**UNT**
funt
munt
frunt
grunt
prunt

**UP**
jup
kup
okup
lup
ŝalup
kantalup
pup
upup
grup
krup
trup
sup
tup
stup
ŝtup

**UPL**
kupl

**UPR**
kupr
supr

**UPT**
volupt
abrupt
erupt
korupt

**UR**
ur
ebur
tambur
kalembur
rembur
dur
Dur
procedur
fur
sulfur
figur
ligur
envergur
aŭgur
hur
ciur
brahiur
jejur
jur
ĵur
kur
akur
sinekur
alopekur
asekur
epikur
konkur
prokur
Merkur
telur
velur
silur
polur
plur
mur
femur
murmur
nur
palinur
konkur
ŝnur
pur
vipur
purpur
serur
terur
krur
sur
tonsur
susur
broŝur
tur
datur
miniatur
karikatur
nomonklatur
makulatur
matur
natur
kvadratur
temperatur
literatur
koloratur
satur
statur
obtur
apretur
vetur
garnitur
emeritur
partitur
investitur
faktur
manufaktur
arhitektur
tinktur
Arktur
struktur
kultur
agrikultur
vultur
kontur
apertur
tertur
uvertur
mikstur
gravur
heliogravur
lazur
glazur
pedikur
embrazur
cezur
plezur
mezur
cenzur

**URB**
urb
kurb
kukurb
turb

**URD**
burd
gurd
hurd
surd
absurd
turd

**URG**
hirurg
dramaturg
sturg

**URĜ**
urĝ
burĝ
skurĝ

**URK**
burk
Turk
mazurk

**URN**
urn
viburn
alburn
diurn
turn
Saturn
koturn
sturn

**URP**
uzurp

**URS**
urs
burs
kurs
konkurs
ekskurs

**URT**
turt

**URV**
kurv

**URZ**
furz

**US**
-us
rebus
omnibus
obus
globus
rubus
tifus
Argus
radius
Sirius
ĵus
fokus
kokus
krokus
kuskus
anĝelus
talus
flus
polus
plus
tumulus
mus
oremus
timus
lakmus
anus
Uranus
Venus
minus
sinus
kosinus
konus
burnus
pus
lupus
korpus
rus
cerus
cirus
papirus
satirus
virus
korus
morus
Prus
rubus
bisus
taksus
tus
hiatus
spiritus
otus
alvus

**USK**
embusk
molusk
musk
krepusk

**USP**
kusp

**UST**
bust
arbust
fust
afust
gust
Aŭgust
ĝust
just
lokust
rust
brust
krust
inkrust
trust

**USTR**
ligustr
lustr
flustr
ilustr

**UŜ**
buŝ
duŝ
fuŝ
huŝ
kuŝ
akuŝ
kokluŝ
pluŝ
muŝ
puŝ
ruŝ
tuŝ
kartuŝ

**UT**
tribut
marabut
atribut
balbut
arbut
skorbut
kubut
redut
kondut
produt
fut
refut
gut
gumigut
liut
jut
ajut
kajut
kut
akut
persekut
ekzekut
cikut
diskut
kuskut
lut
salut
valut
plusvalut
minusvalut
flut
glut
absolut
volut
mut
mamut
azimut
komut
permut
vermut
bismut
minut
knut
put
deput
amput
imput
komput
sput
disput
rut
brut
krut
rekrut
arorut
trut
strut
ŝut
tut
statut
institut
surtut
servut

**UTR**
kutr
lutr
nutr
putr

**UV**
kuv
efluv
diluv
pluv
pruv
stuv

**UZ**
uz
buz
arkebuz
meduz
difuz
rifuz
infuz
konfuz
huz
kuz
akuz
jaluz
bluz
kluz
muz
amuz
hipotenuz
ruz
ceruz
gruz
ahtuz
konfuz

**UZL**
guzl

# BIBLIOGRAFIO

**ORIGINALA VERKARO DE L. L. ZAMENHOF.** — Antaŭparoloj Gazetartikoloj, Traktaĵoj, Paroladoj, Leteroj, Poemoj, kolektitaj kaj ordigitaj de D-ro Joh. Dietterle. 608 paĝoj 15×22 cm. lukse bindita. Eldonis : 1929. Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Prezo: Rmh. 15,—.

Tiu volumo enhavas : 1e la diversajn antaŭparolojn, kiujn Zamenhof skribis por siaj propraj libroj kaj aperintaj en la unua periodo de nia movado ; 2e grandan kolekton (ampleksantan pli ol 200 paĝojn) da gazetartikoloj, el kiuj la plej interesaj estas tiuj aperintaj en la gazeto « La Esperantisto », de kies provekzemplero (Nürnberg 1 Sept. 1889) estas aldonata fotografe kliŝita reproduktaĵo ; 3e traktaĵojn, sub kiu titolo ni trovas i.a. plej interesan artikolon pri « Esperanto kaj Volapük », sed precipe diversajn artikolojn pri la politika kaj religia kredo de Zamenhof (Hillelismo, Homaranismo, Gentoj kaj Lingvo Internacia, Alvoko al la Diplomatoj, post la granda milito) ; 4e ĉiujn paroladojn faritajn ĉe la universalaj kongresoj de Esperanto kaj ĉe aliaj solenaĵoj ; 5e, 375 personajn leterojn kaj cirkulerojn, kiuj donas klaran ideon pri la granda ĉiutaga batalado de la elpensinto de nia lingvo ; el kiu ankaŭ rezultas, ke tiuj kiuj havigis al la majstro malfacilaĵojn ne ĉiam estis la kontraŭuloj de nia lingvo, aŭ de nia movado, sed la Esperantistoj mem ; 6e naŭ originalajn poemojn ; 7e ses faksimilaĵojn de originalaj dokumentoj.

La kompilinto, D-ro Dietterle, liveris al la Esperantistoj de la tuta mondo la rezultaĵon de sia giganta laboro : monumenta verko, kiun neniu serioza propagandisto devas malhavi. Ĝi ja estas la vera bazo por la studado dokumentita pri la historio de Esperanto kaj de ĝia movado. La enhavo de tiu impona volumo ĵetas helan lumon sur la vera personeco de Zamenhof. Grandan dankon kaj koran gratulon meritas nia germana pioniro pro sia pacienca klopodo.

La libro estas belege presita kaj lukse bindita, kio cetere neniun mirigos, ĉar ĝi eliris el la eldonejo de Hirt & Sohn, kiu jam akiris specialan famon pro siaj brilaj produktaĵoj en la Esperanta librofako.

**B.E.S. ADRESARO DE ESPERANTISTOJ** el ĉiuj landoj 1929/30, 8a eldono. 84 paĝoj 11x14,5 cm. Eldonis: B.E.S., Potŝtejn, Ĉehoslovakujo. Prezo : Sv. fr. 1,—. La nova eldono de tiu adresaro enhavas 1120 adresojn el pli ol 40 landoj, 100 portretojn de Esperantistoj, detalan registron de Esperantistoj kaj entreprenoj laŭ okupo, inklinoj kaj fakoj. La libreton havas utilon por la samideanoj kiuj volas korespondi kun aliaj landoj.

**KLASIGITA TERMINARO DE ESPERANTO** kompilita de Eĉeno S. Cian, 32 paĝoj 13x9 cm. Eldonita de Ŝanhaja Esperanto-Asocio, P. O. Box 1332, Ŝanhajo (Ĥinujo). Prezo: Dol. us. 0.20. Vortareto Esperanto-Ĥina kies elementoj estas klasitaj laŭ la senco.

---